No. 3 Januaro 1954 6a Jaro

BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj
Sekretariejo: Orteliusstraat 108$^{III}$ Amsterdam
Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam

## ESPERANTO POVAS SOLVI MULTAJN PROBLEMOJN

En Romo okazis de la 26a - 31a de Oktobro 1953a la konferenco de la Fervoja Sekcio en la Internacia Transportlaborista Federacio (ITF). En tiaj konferencoj aŭ kongresoj por la fervojistoj gravaj aferoj estas pritraktataj kaj memkomprenble ili tre interesiĝas pri la farita laboro dum tiaj internaciaj konferencoj. Krome estas prezentataj je la fino de tiaj konferencoj rezolucioj kies enhavo ĝenerale estas multsignifa. En la organo *Het Weekblad* de la nederlanda transportlaborista sindikato ni legis tre detalan raporton pri la konferenco en Romo de nia ano De J sed la spaco en nia Bulteno ne permesas detale pritrakti ĝin en nia organo. Ni tamen citu kelkajn punktojn el la rezolucioj, kiuj tiom klare ilustras la nerefuteblan neceson de internacia helplingvo kaj la gigantan amplekson de nia laborterenon en tiu Internacia Transportlaborista Federacio, al kiu ne malpli ol 3 milionoj da fervojistoj en la tuta mondo estas aliĝintaj.

En la unua rezolucio la fervojistaro en Azio estas alvokata aliĝi al La ITF kaj la rezolucio memorigas la fakton, ke la fervojistoj en Hindujo (India) jam antaŭ 30 jaroj tion faris kaj antaŭ nelonge la fervojistoj el Pakistanio kaj Honkong sekvis la ekzemplon. Plue la rezolucio mencias, ke sendube la 3 milionoj da fervojistoj dise loĝantaj en preskaŭ ĉiuj partoj de la mondo estas konvinkitaj, ke nur firma kunligado de la laborprenantaj sindikatoj en la mondo ebligos forigi la antaŭjuĝojn kaj diferencojn inter la rasoj kaj popoloj.

En la dua kaj tria rezolucioj sekvas protestoj kontraŭ la malbonaj cirkonstancoj de la fervojistoj en la Sarregiono kaj en Grekio.

La fino de la rezolucioj tamen altiris nian atenton aparte kaj esprimiĝis la neceso, ke la fervojistoj en la tuta mondo estu kunligataj en la ITF. La esperantistoj bone scias la signifon kaj grandan valoron de internacia kunligado sed krome deziras eluzi la eblecon de persona kontakto. Dank'al nia lingvo *ESPERANTO* estus eble al la 3 milionoj da fervojistoj en la mondo ankaŭ krei personan kontakton inter si.

La Stokholma rezolucio de la ITF, kiu esprimis sin por la eldonado

de esperantlingva publikaĵo krom tiuj en la diversaj naciaj lingvoj , ankoraŭ validas. La postmilitaj cirkonstancoj tamen kaŭzis gravajn ŝanĝojn en multaj okazoj sekve de novaj ideoj, kiuj povus akceli la atingon de bonaj rezultatoj por nia komuna afero koncerne la enkondukon de ESPERANTO kiel Internacia lingvo. Tiuj ŝanĝoj havas tamen nenion komunan kun malamikeco aŭ malinteresiĝo pri antaŭmilitaj aferoj aŭ cirkonstancoj. La strukturo de IFEF ne malpermesas al siaj membroj labori kaj propagandi en la respektivaj sindikatoj por Esperanto, tio eĉ estas unu el niaj celoj. En la kadro de nia regularo la IFEF-estraro serioze esploru ĉiun eblecon pri kunlaboro kun sindikatoj kaj fervojaj administracioj, se necese nia kongreso findecidu.

La konferenco en Romo montras al ni kiom ampleksa estas nia labor - tereno inter la fervojistoj kaj ni komune serĉu la vojon kondukantan al nia celo. Sur tiu vojo troviĝas multaj piedkaptiloj kaj baroj. Ni ne ŝonĝu pri la fabelo, ke ni sukcesos en mallonga tempo esperantistigi 3 milionojn da gekolegoj sed ni ĉerpu freŝan kuraĝon el la scio, ke kunligeco nur povas esti perfekta se oni disponas pri taŭga interkom - prenilo. Tio pli kaj pli estas sentata en diversaj rondoj.

J.L.



## LA 6'a IFEF-KONGRESO OKAZONTA EN VERONA DE 3-8 MAJO 1954

**Dua Informilo**

Ni rezervas por ni la rajton ŝanĝi la programon publikigitan en la novembra Bulteno, se la lokaj cirkonstancoj tion devigas.
La prezoj estas indikitaj laŭ la nunaj tarifoj.

**Vojaĝbiletoj**

La kolegoj, kiuj eniros Italion de la limstacioj VENTIMIGLIA, MODANE, DOMODOSOLA, CHIASSO, BRENNERO aŭ S.CANDIDE petu la bileton de la koncerna limstacio ĝis Venezio kaj returne, se ili post la Venezia ekskurso reiros rekte al la hejmo. Tiuj kiuj daŭrigos la vojaĝon tra Italio petu bileton: a de la limstacio al VENEZIO, VERONA, BOLOGNA, ANACONA, BARI kaj returne, se ili deziras viziti Adriatikajn urbojn; b de la limstacio al VENEZIO, VERONA, BOLOGNA, FIRENZE, ROMA, NAPOLI kaj returne por vizito al Tirenaj urboj.

La Aŭstraj samideanoj enirantaj Italion de la stacio Tarvisio petu bileton TARVISIO, VERONO kaj revene, se post la Venezia ekskurso ili reiros al la hejmurbo. Tiuj, kiuj deziras daŭrigi la vojaĝon tra Italio devas pagi la iran-reiran bileton VERONO - VENEZIO, ĉar nia Administracio ne konsentas doni senpagan bileton laŭ nia deziro.
Tamen la Aŭstroj povos eniri Italion de BRENNERO aŭ S.CANDIDE kaj ricevi bileton kiel ĉi supre menciitan por la aliaj kolegoj.

Iuj samideanoj petis al ni informojn, kiujn ni ne ĉiam povas doni (malgraŭ nia bona volo). La eksterlandaj izolaj anoj, dezirantaj pli detalajn informojn pri la vojaĝo, la ekskursoj kaj la daŭrigo tra Italio, povas sin turni al la C.I.T.-sidejo ( Compania Italiana Turismo ) en

sia propra urbo. Ni rajtigis tiujn oficejojn akcepti kongres-aliĝilojn, kaj enspezi la kongreskotizojn.

Radio Roma okaze de nia kongreso dissendos la 15-an de januaro je la 18.50-a horo la programon: Italaj Belartaj Urboj: Verona.
Bonvolu aŭskulti kaj sendi simpatiesprimon al Radio Roma, Casse la postale 320 Roma, Italio.
Por la ondo-longo vidu la kompletan programon en ĉi tiu bulteno.

Ni petas niajn kolegojn senkulpigi nin, se ni presigis la aliĝilojn kun linioj anstataŭ la kutimaj supersignoj sur la literoj. Nia presejo en Verona ne estas jam preta por presi en Esperanto. Post la presado de la aliĝiloj la entrepreno aĉetis kompletan serion de pres-karakteroj, tiel ke ni nun povas presigi kion ajn en Esperanto. Ankaŭ tio estas progreso por Esperanto.

**Simpatiantaj kongresanoj.**

Ankaŭ ni volonte akceptos kiel simpatiantajn kongresanojn tiujn kolegojn, kiuj, ne povante ĉeesti nian kongreson, tamen deziras ĝin subteni. Tuj post la kongreso ili ricevos la kongreslibron, la metalan kongresinsignon, gvidfolion pri Verona, kaj se eble la gvidfoliojn de aliaj Italaj urboj. La simpatiantoj bonvolu plenigi la aliĝilon kaj sendi la monon rekte al L.K.K. aŭ al la landa vojaĝgvidanto.

Ni ricevis la sugeston inviti la gesamideanojn partopreni nian kongreson en regionaj vestaĵoj. Ŝajnas al ni dezirinde ke precipe la samideaninoj faru sian eblon por doni sferon kaj koloron al nia ĉiujara manifestacio. Aliaj deziras *Internacian Kabaredan Vesperon* en kiu povas aktive partopreni samideanoj el ĉiuj landoj.
Jen bona propono por venontaj kongresoj.

L.K.K.

## N E K R O L O G O

Pro koratako mortis en Svisio, la 20-an de aŭgusto, nia kolego ERNST HUNG. S-ro Hung estis fidela ano de IFEF kaj entuziasma partoprenanto al niaj kongresoj.

En Nederlando mortis post longa malsano, la 22-an de oktobro nia amiko W.F.TEKAMP. Antaŭ sia malsano li fervore studis Esperanton por fariĝi respektinda ano de IFEF. En la grupvesperoj li estis volonte vidata partoprenanto.

Ili ripozu en paco.

## R A D I O   R O M A

deziras Bonan Kristnaskon kaj Feliĉan Novjaron al siaj geaŭskultantoj, kaj prezentas la programon de la dissendoj en la lingvo Esperanto, por Januaro 1954.

Vendredan, la 1-an - La Novjaro
Merkredon, la 6-an - Novaĵoj el Italio

Vendredon, la 8-an - Respondoj al la geaŭskultantoj kaj bibliografio
Merkredon, la 13-an - Italaj artistoj: Luisa Tetrazzini
Vendredon, la 15-an - Italaj belartaj urboj: Verona
Merkredon, la 20-an - Sicilia legendo
Vendredon, la 22-an - La urbo de la 39-a U.K. de Esperanto
Merkredon, la 27-an - Dialogo de la Anĝelo kaj de la juna Mortino (de Corrado Govoni)
Vendredon, la 29-an - Okaze de la 1-a datreveno de la morto de Silvio Pěllico

Merkrede: prelegas s-ro Luigi Minnaja
Vendrede: prelegas Prof-ro D-ro Vincenzo Musella

La dissendoj okazas de h. 18.50 ĝis h. 19.10 per la du mallongondaj stacioj je metroj 31.35 respektive Mc/s 9.57, kaj metroj 49.92 respektive Mc/s 6 .01.

NOTO: Bv. adresi la korespondaĵojn al RADIO ROMA, Casella postale n-ro 320 - Roma Italia, aldonante nek la nomon de la fakestro, nek la nomojn de la prelegantoj.

la Fakestro
Blasimme.

S-ro Blasime, fakestro por Esperanto ĉe Radio-Romo, sendis jenan leteron al la Administracio de la Germana Federacia Fervojo:

*"Mi ĵus legis en pluraj gazetoj pri la enkonduko de Esperanto en la Oficiala Trajn-Horaro. La enhavo de Esperanto-teksto certe faciligos la uzadon de la horar-libro de vi eldonata, kaj ĝi estos esplorata de pli vaste internacia publiko, kiu povos rekte kompreni ĝian enhavon.*
*Espereble tiu ĉi decido alkondukos pli da vojaĝantoj-turistoj sur la germana fervoja reto, kun pli da enspezo de fremda valuto.*
*Ni povas tion antaŭvidi, ĉar ni mem spertis bonajn rezultatojn dum 17-jara dissendado en Esperanto; fakte niaj elsendoj en la internacia lingvo estas aŭskultataj de vasta publiko situanta diŝe en la kontinentoj Se estas eble, ni petas pri alsendo de ekzemplero de la nomita Horaro, por ĝin montri al la Direkcio de la Italaj Ŝtat-Fervojoj".*

Ĉu eble niaj germanaj kaj niaj Italaj amikoj povas helpi al s-ro Blasime en la plenumado de suprenomita deziro?

La IFEF estraro deziras al ĉiuj siaj anoj
kaj amikoj prosperan kaj feliĉan novjaron.

## INFORMOJ EL DIVERSAJ LANDOJ

**Jugoslavio**

*"Fine mi sukcesis plenumi vian kaj samtempe mian deziron, organizi Esperantan kurson de gefervojistoj en Zagreb.*
*Kolektiĝis modesta grupo de proksimume 20 gekamaradoj, kiuj vin salutas".*

Tiel skribis al ni Franjo Debiĉ en letero subskribita de ĉiuj partoprenantoj al la kurso. Kompreneble ni multe ĝojas, ke la fervojista kunveno organizita de kolego Otto Walder en la kadro de UEA-kongreso, jam nun portas siajn fruktojn. Sendube la instigaj paroladoj de s-ro Giessner multe kontribuis al tiu bela resultato. Ni kore dankas ambaŭ kolegojn pro la imitinda ekzemplo.
Korajn salutojn ni reciproke sendas al la subskribintoj de la letero, dezirante al ili studemon kaj persiston.
Kamarado Franjo Debic akceptu nian varman gratulon pro la bela sukceso.

**Finlando**
En Helsinki komenciĝis Esp-kurso por fervojistoj kun 29 partoprenantoj. La Fervoja Administracio senpage disponigas por tio la ejon, krome la Fervojistaj Sindikatoj finance subtenas niajn gekolegojn kaj volonte akceptas artikolojn por siaj organoj pri Esperanto.
Koran gratulon al niaj gekolegoj en la alta nordo kaj multe da sukceso ni deziras al ili.

**Danlando**
Kontentigaj sonoj venas al ni renkonte el Danio, kie nia movado ne stagnas. Al la kurso en Aarhus partoprenas 12 novaj gekolegoj, kaj ankaŭ en aliaj lokoj funkcias kursoj.
Niaj Danaj gekolegoj supozas, ke la nombro da IFEF-anoj atingos en Danio baldaŭ la rondciferon 100; tre bonan perspektivon.
Al la geamikoj en Danlando niajn plej bonajn dezirojn.

**Nederlando**
Ŝajnas, ke ankaŭ en la malalta lando ĉe la Norda Maro, la fervojistaj esperantistoj penas atingi la plej bonan lokon sur nia honora listo.
Kvankam ne atingis nin oficialaj informoj, estas certe, ke en Utrecht kaj Amsterdam funkcias bone vizitataj kursoj. Post multaj jaroj la interesiĝo pri nia lingvo pligrandiĝas.
En la jarkunveno la landa organizo FERN decidis aliĝi al la Kultura Asocio Fervoja. La prezidanto de FERN, kiu ne estas fervojisto, sed dungito de filin-entrepreno Van Gend en Loos, ricevos de tiu entrepreno pagitan vojaĝbileton por partopreni nian 6-an kongreson en VERONA.
Tre brilan sukceson ! La IFEF-estraro ĉiloke korege dankas la Direkcion de Van Gend en Loos pro la simpatia gesto, pro kiu ni ĉiuj ĝojas.

**Germanio** Atentu bone la afablan peton !
Nia fervojista esperanto-grupo en Kassel rikoltis brilan sukceson per la eldono de la belega prospekto *Kurhessen kaj Waldeck, Juveloj* en Esperanto, kiu jam estas eldonita angle, france kaj germane.
Post multe da peno niaj tieaj kolegoj sukcesis persvadi la Fremdultrafikan Asocion eldoni la belaspektan prospekton en Esperanto, kaj nun bezonas vian subtenon.
La tradukon faris unu el niaj kolegoj; ĝi estas korektita de la Germana Esperanto-Instituto en Munkeno.
Niaj IFEF-membroj do petu la vere posedindan prospekton, kaj skribu dankleteron al la *Fremdenverkehrsverband Kurhessen und Waldeck, (16) Kassel, Rathaus, Germanio*.

Se iu ajn vizitos Kassel aŭ ĝian ĉirkaŭaĵon, la vizitontoj estas petatajprecipe mencii en siaj leteroj, ke ili estas atentigitaj per tiu ĉi prospekto. Represo en ĉiuj Esperanto-gazetoj estas afable petata.

**Norvegio**

La sekretario sciigis al ni el Oslo, ke en la norvega ĉefurbo funkcias kurso por gefervojistoj, al kiu partoprenas 16 novkomencantoj.
Koran gratulon al niaj kolegoj en la nordo.

**Italio**

Tre grava honorigo okazis al nia kolego G.Zacconi, la prezidanto de nia Itala IFEF-sekcio. La Prezidanto de la Itala Respubliko honoris nian Italan kolegon Zacconi per la ordeno *Cavaliere del 1° Ordine al merito del la Respublica Italiana*.
Nia kolego ricevis la ordenon pro sia aktiveco en la Esp-movado.
La IFEF-estraro ĉiloke tutkore gratulas nian kolegon Zacconi pro la distingaĵo, kaj fieras pri la tioma kavaliro en nia rondo de fervojistaj esperantistoj. Estas por ni granda ĝojo kaj morala stimulo, ke la registaraj instancoj rekompencas tiel la meritojn de niaj aktivuloj.
Kolego Zacconi akceptu niajn plej sincerajn gratulojn!

**Svedio**

En S.J.Nytt, organo de la Sveda fervoja personaro de oktobro 1953 aperis artikolo pri la komenciĝintaj Esp-kursoj. Ankaŭ niajn korajajn gratulojn ni direktas al niaj svedaj gekolegoj pro la sukceso.

**Britio**

Ankaŭ en Liverpool nia kolego Stowell aranĝis kurson al kiu partoprenas 10 fervojistoj. Ili studas Esperanton per koresponda kurso de National Council of Labour Colleges.
Koran gratulon al nia kolego Stowell, kiu faris al ni la plezuron interkonatiĝi dum sia vizito al Nederlando.

**Svislando**

En cirkulero n-ro 3 de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj ni legis kun ĝojo pri progresoj rilate la partoprenon al komencaj kursoj.
Al la kurso en Goldaŭ partoprenas sep kolegoj, gvidata de nova membro, kolego Bertschinger.
Al tiu en Aaraŭ, gvidata de kolego Hunkeler, partoprenas 8-10 kolegoj.
En Zurich 16 kolegoj partoprenas Esperanto-kurson, gvidatan de de eksterfervoja samideano, s-ro Hammer. Ĉiuj kursoj okazas en ejoj de la Fervojoj, dank'al la afabla permeso de tiu instanco.
Estas nekonata lukso en Svisio ke 31-33 kolegoj decidis sekvi Esperantookurson. Krom tio en Tiĉino, la Itala kantono sude de St. Gothard, du malnovaj kolegoj aliĝis al SAEF kaj instigis du kolegojn lerni Esperanton. Entute tre brila rezultato de niaj svisaj kolegoj, kiuj sendube deziras montri al nia 7-a IFEF-kongreso la forton de nia plej aĝa Fervojista Asocio, kiu aliĝis jam al ambaŭ ekzistintaj Internaciaj Fervojistaj Asocioj kaj poste al IFEF.
Al la gvidantoj de la kursoj la IFEF-estraro deziras la plej bonan sukceson; al la lernantoj agrablan studsezonon.
Koan bonvenon en nia rondo al niaj malnovaj kolegoj Chiesa kaj Sasseli kaj al la estraro de SAEF varman gratulon pro la sukceso, kiu kronas la laboremon.

## EL LA GAZETARO

Ankaŭ en N-ro 4 de la rice ilustrita sveda fervoja organo *SJ Nytt* de aŭgusto 1953 aperis anonco pri Esperanto-kurso.

En *Svisa Espero* N-ro 3 de aŭgusto 1953 aperis artikolo pri la faka kunveno de la fervojistoj dum la UEA-kongreso en Zagreb.
La verkinto, O.W. opinias, ke baldaŭ fondo de jugoslava landa societo certe ne estas malproksima.

En la majo-junia numero de *La Semanto*, Ligilo de la svisaj laboristaj esperantistoj, aperis sur la antaŭpaĝo la raporto pri nia jubilea kongreso en Utrecht. Al la redakcio ni sendas nian koran dankon.

En cirkulero 3/53 de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj ni legis ke por la internaj bezonoj de la Asocio provizore sufiĉas la simplaj cirkuleroj. Tial la estraro decidis ne jam eldoni propran bultenon.
La deciditan krediton oni intencas uzi parte por financi la propagandon, parte por subteni IFEF-bultenon, kaj fine rezervi alian parton por speciala celo.
Ni gratulas la Svisan Asocion pro tiu saĝa decido.

En N-ro 8 de aŭgusto 1953 de *Laborista Esperantisto*, la organo de la Asocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando, aperis sub speciala rubriko artikoleto pri la okulfrapa partopreno de junaj fervojistaj Esperantistoj al nia jubilea kongreso.

En DEFA, la membro-organo de niaj danaj kolegoj aperis bona artikolo *IFEF kaj la kunlaboro kun UEA kaj SAT*.
Verkita de nia sekratario Jan Lok.

Admirinde ampleksa artikolo pri nia jubilea kongreso en Utrecht aperis en la finlanda fervoja ĵurnalo *Veturi*. La artikolo ampleksas ne malpli ol du tutajn paĝojn kaj enhavas tri fotojn. La artikolo en la finna lingvo sendube altiris la atenton de la legantoj.
La verkinton, Tohtori, kaj la Redakcion ni tutkore dankas pro la granda interesiĝo pri nia afero.

En *La Vie du Rail*, la konata fervoja organo, aperis artikolo pri nia 5-a IFEF-kongreso. Ĝin verkis la aktiva funkciulino en nia movado, f-ino G.Lemonnier. Gratulon!

Ni kore dankas la germanan, francan, italan, danan kaj nederlandan Asociojn de Fervojistaj Esperantistoj pro la akurata alsendo de la organoj, kies enhavon ni atente tralegas.

## LA ĜENERALA SEKRETARIO RESPONDAS

Al la Distriktestro de Kassel de la Kultura Sekcio en Germanio:
Kun sincera danko ni ricevis la tre belaspektan prospekton *Kurhessen kaj Waldeck. Juveloj*. Sub la rubriko: *El la landaj sekcioj* la IFEF-estraro plenumas vian peton, kaj gi jam sendis dankesprimon al la koncerna instanco.

**Japanio**: vian leteron pri aliĝo al IFEF ni bonorde ricevis kaj kore vin bonvenigas. Ke vi, kolego Nobuo M.Hori, estu aktiva propagandisto por nia IFEF EN Japanio.

**Finlando**: En estrarkunveno ni serioze pritraktis la tre afablan inviton de la finlanda estraro ĉeesti la jarkunvenon dum Pasko en Helsinki. Bedaŭrinde la IFEF-estraro povas dividi la liberan tempon nur laŭ la ebloj, sed ni jam nun promesas, ke en 1955 ĉeestos la jarkunvenon de ESFF kelkaj ĉefestraranoj. Akceptu nian koran dankon pro la afabla invito.

**Italio**: Al D-ro O.Nanni, ĉefinĝeniero de la Ŝtataj Fervojoj, ni sciigas, ke la propono estos pritraktata en nia Verona kongreso.
Ni tamen opinias, ke la nomo de nia federacio ne estas gramatika malĝustaĵo. Por eviti senfruktajn diskutojn pri tiu afero, ni petos la opinion de akademiano.

**Germanio**: La vojaĝpriskribo de kolego Carl Mailand estos ekzamenata de la Redaktoro ĉu ĝi taŭgas por nia Bulteno, kaj se jes, ĉu ekzistas ebleco enpresigi la ampleksan priskribon. Konvenatempe ni resendos ĝin.
Al kolego Ludwig Frentzen en Rheydt ni ankoraŭfoje sciigas, ke post la kongreso en Lindaŭ ne plu estas eldonita speciala IFEF-insigno.
La kongreso en Utrecht decidis prokrasti tiurilatan proponon.
Eble en Germanio la malnova insigno ankoraŭ estas acetebla.

**Britio**: Kolego Cl.S.Parry en Londono. Mi skribis al via Hispana korespondanto, kolego T.Saladrigos en Badalona kaj donis ĉiujn necesajn informojn. Ĝis nun mi tamen ne ricevis respondon. Estu tiel bonvola peti al li sendi respondon, por ke ni povu daŭrigi nian helpon.

**Norvegio**: Kolegon Kolbrek mi kore dankas pro la poŝtkarto kun la informoj. Mi korektis lian adreson.

*

*Ankoraŭ estas kelkaj inter niaj anoj, kiuj ne pagis la ŝulditan kotizon. Ankaŭ inter la adoptantoj kiuj adoptis ĉeĥaj amikoj estas ŝuldantoj.*
*La kasisto urĝe petas pagon, ĉiuj scias la sumon.*
*Nur 3 respondkuponoj oni devas sendi al: W.Biesheuvel,*
*Ceramplein 30', Amsterdam.*

## AVIZO

**La Maja numero de *Bulteno* aperos post la Kongreso. La antaŭ kongresan numeron, kiu enhavos raportojn, de la sekretario kaj kasisto, tagordojn pri la kunsidoj. Kongresproponojn kaj eventuale plej lastajn sciigojn pri Kongreso kaj vojaĝo ni forsendos jam en Marto.**

**La redaktero.**